# Redaktora jarraporto

Kutime jare nia revuo konsistas el ses numeroj enhavantaj 96 paĝojn. Pro financaj kaŭzoj, en jaro 1999 ni eldonis nur kvar numerojn kun 64 pagoj. En jaro 2000, post ŝanĝo de presejo (nun presado fariĝas en Budapeŝto) ni sukcesis aperigi kvin numerojn kun 80 paĝoj (la meza numero nomiĝis 3/4).




Ĉijare, ĉu ni sukcesos aperigi ses apartajn numerojn kun 96 pagoj ? Tio estas nia celo, sed post analizo de nia financa bilanco nia kasisto decidos.

Cele al plibeligi nian organon, antaŭlasta numero prezentis glaceigitan kovrilo-paĝon. Ĉu estas sekvenda vojo ?

Redaktoro estas nenio sen fidelaj kunlaborantoj, kiuj, la tutan jaron, liveras valoran materialon. Dum ankoraŭ longa tempo, la legantoj povos grave influi la enhavon de IF per alsendo de artikoloj. Gravas tamen ke, se eblas, ni liveru al la redaktoro koncizajn kontribuaĵojn, ĉar estas malfacile al li juĝi la gravecon kaj prioritaton inter multaj vortoj.

Pro akurata alsendo de landaj periodaĵoj, la redaktoro kore dankas. Tre valoras tiu superrigardo pri problemoj kaj interesaĵoj de la diversaj landaj asocioj.

Jean Ripoche

***Urbodomo en Tábor. Ĝi estas unu el la plej imponaj monumentoj de flamgotika stilo en Ĉeĥa Respubliko. Ĝi estis ekkonstruita komence de la XVI-a jarcento.***

## Enhavo




# La 53-a kongreso de IFEF en Tábor alproksimiĝas

**Tagordo de la publika plenkunsido 2001-05-15**

1. Malfermo, konstato mandatoj
2. Ricevitaj telegramoj, leteroj
3. Honorigo al la mortintoj
4. Raporto estraraj
   4.1 Sekretario
   4.2 Redaktoro
   4.3 Kasisto
5. Protokolo Budapeŝto (HU)
6. Raporto ĉefkomitatano
7. Kongrespropono (j)
   7.1. Elekto estraranoj
8. Raportoj de la Faka Komisiono (FK)
   8.1. Gvidanto
   8.2. Sekretario de la Fake Aplika Sekcio (FAS)
   8.3. Sekretario de la Terminara Sekcio (TS)
9. Raportoj de la komisiitoj
   9.1. Skisemajno (IFES) 2000
   9.2. Fervoja Koresponda Servo (FKS)
   9.3. Komitatano "A" por IFEF ĉe UEA
10. Resumo de jarraportoj 2000 el la landaj asocioj
11. Analizo de la nuna situacio en kelkaj landoj
12. Buĝeto 2002 kaj kotizkonfirmo
13. Rilatoj al aliaj organizoj
    13.1 UEA
    13.2 FISAIC
14. Venontaj kongresoj
    14.1 Konfirmo de invito al la 54-a IFK (BG) 2002
    14.2 Elekto de lando por 2003, la 55-a IFK
    14.3 Diskuto pri pluaj eblecoj
15. Venontaj IFES 2002 kaj 2003
16. Eventualajoj
17. Libera diskutado

Lastminute

**Ekskurso T1 nuligita :**

*Mi atentigas la interesatojn pri la Tuttaga kongresa ekskurso T1 "Laŭ ŝpuroj de la ĉevalfervojo Bujanov - Kerschbaum - Rybnik", ke ĝi ne okazos pro malgranda nombro de aliĝintoj kaj ankaŭ pro la teknikaj kialoj. Ke la interesatoj pri la historio de la unua ĉevalfervojo en Eŭropo povu konatiĝi pri ĝi, ni envicigis en la programon de la ekskurso D3 "Č. Budějovice - Hluboka" viziton de la ĉevalfervoja muzeo en Ceske Budejovice.*

*Ĉiuj, kiuj jam aliĝis al ĝi ricevos komune kun la konfirmo de la aliĝo kaj pliaj instrukcioj ankaŭ oferton elekti de la restantaj tri tuttagaj ekskursoj T2, T3 aŭ T4.*

*Nome de LKK mi petas vian komprenon kaj ĝojatendas nian renkontiĝon en Tábor (kun parto de vi jam dum la antaŭ kongreso en Prago).*

*Nome de LKK de la 53-a IFEF-K : Petro Chrdle*

**Tagordo de la Fakaj Kunsidoj**

1. Bonvenigo kaj enkunduko far la FK-gvidanto.
2. Raporto de la Fake aplika sekcio-sekretario.
3. Raportoj pri faka laboro en unuopaj IFEF landaj asocioj.
4. Fakaj programeroj dum la 53-a IFK.
5. Raporto de la Terminara sekcio-sekretario.
6. Raportoj de la TS-kunlaborantoj (kaj landaj kaj individuaj).
7. Trakto de nocioj laŭ informoj en Terminaraj Kurieroj.
8. Fakaj programoj dum la 54-a IFK.
9. Novaj taskoj por la sekcioj.
10. Eventualajoj (sub tio, korektado de la adreslisto).

Jan Niemann, gvidanto de FK.

## Kongrespropono (estrarelekto)

Komitatano Jindřich Tomíšek en sia funkcio de ĉefkomitatano memorigas, ke la jaro 2001 estas elektado-jaro por la IFEF-estraro.

Konforme al la statuto la ĉefkomitatano antaŭ la 31-a de aŭgusto 2000 ricevis demisiojn de :

- la kasisto Henning Hauge
- la sekretario Ernst Quietensky.

Antaŭ la 31-a de decembro 2000, pere de la koncerna landa asocio, la ĉefkomitatano ricevis kandidatecon de :

♦ Marica BRLETIĆ kiel sekretarion.

Neniu alia demisio/kandidateco atingis la ĉefkomitatanon. Pro tio li proponas :

◊ reelekti jenajn ĝisnunajn estraranojn :

⇒ Romano BOLOGNESI (prezidanton)

⇒ István GULYÁS (vicprezidanton)

⇒ Jean RIPOCHE (redaktoron)

◊ elekti :

⇒ Marica BRLETIĆ kiel sekretarion.

### Prezento de Marica BRLETIĆ



Marica BRLETIĆ estas tre konata sine de IFEF, sed tamen ni devas rememori ŝiajn meritojn.

Marica BRLETIĆ naskiĝis la 27-an de septembro 1955, en Ogulin (Kroatio).

Profesie ekonomisto, ĉe Direkcio de HZ' (Kroataj Fervojoj) ŝi laboras ekde la jaro 1978 kaj dejoras en financaj aferoj pri asekuro de fervojaj havaĵoj.

Ŝi esperantiĝis en 1985 kaj ekaktivadis kiel membro de Fervojista Esperanto-Societo en Zagrebo. Ekde la jaro 1991 ŝi prezidantas la Kroatan Fervojistan Esperanto-Asocion ĉe IFEF.

Kiel estrarano de KEL (Kroata Esperanto Ligo) ŝi kontribuas al nacia esperanto-vivo. Ŝi partoprenas en naciaj kroataj kongresoj kaj IFEF kongresoj konstante ekde la jaro 1992.

## Tagordo de la nepublika komitatkunsido 2001-05-14

1 . Malfermo, konstato mandatoj
2. Diskuto kongrespropono(j)
   2.1.Elekto estraranoj
3. Diskuto kasraporto-bilanco 2000/buĝeto 2001
4. Diskuto analizo de situacio en kelkaj landoj
5. Diskuto venontaj kongresoj
6. Analizo eksteraj rilatoj
7. Eventualaĵoj

## Jarkunveno ĉe G.E.F.A.

Jarkunveno de Germana Esperanta Fervojista Asocio okazos de la 05-a ĝis la 07-a de oktobro 2001 en la urbo Bad Salzuflen, en hotelo de BSW Roseneck (Rozangulo). Ĉiuj ĉambroj, inlkluzive plenpensionon, kostas po 78,00 DM tage por unu persono en dulita ĉambro, (En unulita ĉambro 82,00 DM).

Bad Salzuflen situas en la proksimeco de Bielefeld, en bela, arbarriĉa regiono, kaj la nomo de la BSW-hotelo Rozangulo estas trafa por la ejo en la kurackvartalo kun ĝiaj multaj diversaj kuracfontoj. Partprenu kaj ĝuu la unikan lokon.

Rolf Terjung

### Honorigo

En IF 2000.1 kun plezuro ni anoncis distingon de nia Honora Prezidanto nomumita "Honora Membro de FISAIC".

Same en 1998 ricevis tiun honoron en Balaton (HU) :

- Lucien de Sutter (Belgio)
- Henning Hauge (Danio /Germanio).

***************

Mankis en la listo de la Honoraj membroj (paĝo 14) :

- Jaroslav David (Ĉeĥio)
- János Patay (Hungario)

*La redaktoro petas pardonon.*

# PROTOKOLO DE LA PUBLIKA KOMITATKUNSIDO

**en la 52a IFEF-Kongreso en Budapeŝto (HU) -20000/5/16**

Mallongigoj : Pr = prezidanto, Vp = vicprezidanto, Sk = sekretario, Ks = kasisto, Rd = redaktoro, e-o = estraro, Ĉk ĉefkomitatano, IF = Internacia Fervojisto, FK = Faka Komisiono, TS Terminara Sekcio, FAS = Fake Aplika Sekcio, k-o = komitato, k-ano = komitatano, kk-ano = kromkomitatano, k-go = kolego, l.a. - landa(j) asocio(j), (Landokodoj duliteraj , laŭ normo IS03166).

**1. Malfermo, Konstato mandatoj**

La tuta e-o ĉeestas.
La Pr salutas kaj bonvenigas la partoprenantojn.
La Sk laŭstatute alvokas la rajtigitojn kaj listkalkulas la ĉeestantojn.

| Lando | Kodo | Komitatano | |
|---|---|---|---|
| AŬSTRIO | AT | Martin | STUPPNIG |
| | | Leopold | PATEK |
| BELGIO | BE | Lucien | DE SUTTER |
| BULGARIO | BG | Lazar | KARAKASEV |
| ĈEĤIO | Cz | Jindřich | TOMIŠEK |
| DANIO | DK | F. Henning | OLSEN |
| FRANCIO | FR | Denise | HAPPI FOSSO |
| | | Jean | ROLLAND |
| GERMANIO | DE | Joachim | GIESSNER |
| | | Otto | RÖSEMANN |
| HUNGARIO | HU | Alfonz | MORÓ |
| ITALIO | IT | Vito | TORNILLO |
| JUGOSLAVIO | YU | Gvozden | SREDIĆ |
| KROATIO | HR | Marica | BRLETIĆ |
| NORVEGIO | NO | Rolf | BERGH |
| RUMANIO | RO | Mihai | STEFAN |
| SLOVAKIO | SK | Magdalena | FEIFIČOVA |
| SLOVENIO | SI | Jovan | MIRKOVIĆ |
| SVISIO | CH | Ernst | GLÄTTLI |
| Gvidanto | FK (KK-ano) | Jan | NIEMANN |

Ĉeestas 19 (Laŭstatute 28) voĉdonrajtaj k-anoj plus 11 observantoj.

2. **Ricevitaj telegramoj, leteroj**

La Sk legas la bondezirojn kaj salutajn leterojn de Landa Fervojista Sekcio de Pola Esperanto Asocio, de Hm W.L. van LEEUWEN (NL), Hm Elfriede KRUSE (DE), Fritz TSCHOM (AT) kaj Johann GEROLDINGER (AT).

**3. Honorigo al la mortintoj**

La Sk legas la nomojn de niaj mortintoj pri kiuj oni eksciis ekde 05.1999 ĝis 05/2000.

| Lando | Antaŭ nomo | Familia nomo | Nask.tago | Morttago | Aĝo | Menciindaĵo |
|---|---|---|---|---|---|---|
| AT | Friederike | HERRMANN | | 09-08-99 | | |
| CZ | Stanislava | CHRDLOVA | | 28-01-00 | | |
| DE | Willi | GRASS | 1918 | 13-03-99 | 81 | Iama GEFA -ano |
| | Rudolf | EIGENDORF | | 23-05-99 | | |
| DK | Knud | FISKER | 07-02-24 | 12-09-99 | 75 | Iama DEFA-ks |
| FR | Yvonne | PALARIC | | 29-06-99 | | |
| | Maurice | ROCHERY | 25-07-02 | 10-12-99 | 97 | |
| | Géo | JUNIER | 22-05-13 | 17-02-00 | 77 | |
| HU | Sándor | KÁDÁR | 15-05-18 | 09-06-99 | | |
| IT | Antonio | PAGAN ZECCHIN | 1928 | 02-98 | 70 | |
| | Germano | GIMELLI | 04-11-13 | 2-11-99 | 86 | IFEF-Hm |
| | Agostino | RIGHI | 18-08-26 | 16-01-00 | 73 | |
| NL | Bets | LABORDUS | 1912 | 17-06-99 | 87 | |
| | Gerrit | BOUWKAMP | 1919 | 23-07-99 | 80 | |
| NO | Käre | BYE | | | | |
| YU | Vladimir | KARIŜIĈ-CAKAN | 1914 | 1999 | 85 | |
| | Jordan | PEŜEVSKI-OCKO | 1920 | 07-09-99 | 79 | |
| | Marko | PETROVIC | | | | |
| | Julija | BELTRAM | | | | |
| | Velinka | ILIC | | | | |
| | Radmila | TASKOŜIC | | | | |
| | Zoran | DODIC | | | | |

Oni honore memorigas ilin per unuminuta silenta starado. Ke ili ripozu pace.

4. **Raportoj estraraj**
   4.1. Sekretario unuanime aprobita
   4.2. Redaktoro aprobita per unu sindeteno
   4.3. Kasisto unuanime aprobita

**5. Protokolo Le Mans (FR)**

Hpr GIESSNER sugestas reaperigon de la protokolo en IF, kiun la Pr klarigas pro la aktualaj redaktoraj problemoj.

**6. Raporto Ĉefkomitatano**

La cirkulero n-ro unu de 1999 estis sendita dum oktobro al ĉiuj landaj asocioj. Alvenis 20 jarraportoj. Ne alvenis raporto el NL kaj SE. Fine de novembro FERN anoncis sian malfondiĝon. Nova gvidanto de la faka komisiono estis trovita en la persono de Jan NIEMANN (DK). Kiel sekretario de la Terminara sekcio funkcias Heinz HOFFMANN (DE) kaj kiel sekretario de la Fake Aplika Sekcio Ladislav KOVÁŘ. Oni serĉas novan redaktoron de Faka Kuriero anstataŭ Heinz Dieter HARTIG (DE). La Ks kolektis la adresŝanĝojn.

La raporto estas unuanime akceptita.

**7. Kongresproponoj**

Diskuto pri kandidatoj al la postenoj de Ĉefkomitatano kaj Vicĉefkomitatano.
Hpr GIESSNER proponas voĉdoni favore al ambaŭ.
Rezulto:
Ĉk Jindrich TOMIŠEK (CZ) akceptita, unu sindeteno
Vicĉk Magdalena FEIFIČOVÀ (SK) per 17 por, 1 sindeteno kaj unu kontraŭvoĉo) akceptita.

**8. Raportoj de la Faka Komisiono**

8.1, Sekretario de Fake Aplika Sekcio (FAS)
Ladislav KOVÀŘ, ricevis leteron de dana k-go kiu kritikas, ke mankas tempo dum la kunvenoj por plenumi la taskojn kaj, ke malfrue venas la materialoj por la Fervojfakaj Kajeroj kaj informado pri Faka agado estas malbona.
Danio raportis pri faka agado kaj eldono de Dana Fervojisto.
Hungario eldonis lernolibron kaj raportas pri apero de esperantaj klarigoj en horarlibroj.
Ankaŭ Ĉeĥio enhavas tiujn en horarlibroj.
Fervojfaka Kajero n-ro 9 estas en preparo, ĉefe per artikoloj de Ernst GLÄTTLI (CH) kaj E. Hening OLSEN (DK), krome kontribuis TOMIŠEK (CZ), RADULESCU kaj TUDORACHE (ambaŭ RO).
Unuanime aprobita

8.2. Sekretario de la Terminara Sekcio (TS)
Heinz HOFFMANN raportas pri plena sukceso de la 3-a eldono de Rail-Lexic. Krom la tri bazaj lingvoj nur kvin akurate kontribuis, inter ili esperanto. Ĝi ankaŭ troveblas en Interreto. Li partoprenis kunvenon en Parizo, la 6-an de aprilo en kiu kolegoj el sep landoj ĉeestis. Bedaŭrinde Heinz Dieter HARTIG ne plu aktivas.
Unuanime aprobita.

8.3. Konfirmo de elektoj en la Faka Komisiono
Unuanime aprobita

**9. Raporto de la Komisiitoj**

9.1. Skisemajno (IFES) 2000
K-go PEYROUTY (FR) raportas pri la 41-a IFES, kiu okazis en Saint-François-Longchamps (FR) kun 20 partoprenintoj el 6 landoj. Li plendas pri manko de gejunuloj.
Raportoj aperis en Heroldo de Esperanto kaj en Monda Turismo.
Unuanime aprobita.

9.2. Fervoja Koresponda Servo (FKS)
K-go PORUPCA (RO) informas pri 25-jara jubileo de FKS, kiu naskiĝis en 1975 en Villach (AT) laŭ iniciato de André JOVENAL (FR), Jean DEMISY (FR) kaj Germano GIMELLI (IT). Ekde 1995 (IFK) en Pécs (HU) PORUPCA gvidas la FKS-n. Li reliefigas la bonan rilaton inter la FKS kaj la koresponda servo de Monda Turismo.
Li precipe dankas pro la kunlaboro de la Rd kaj atendas pli grandan helpon de landaj asocioj.
Unuanime aprobita.

9.3. Komitatano "A" por IFEF ĉe UEA
Vp István GULYÁS pri la UK en Berlino, ĉefurbo de Germanio, kiun partoprenis preskaŭ 3000 personoj el 66 landoj, la Fervojistan
Kontaktkunvenon partoprenis preskaŭ 80 personoj el 20 landoj, inter ili S-ro PETZOLD, respondeculo de la fervojista kulturagado.
Du prelegoj estis prezentitaj, unu pri la IFK en Le Mans kaj alia, de germana K-go Bodo ERLICH pri la monda ekspozicio en Hannover.
Fakekskurso estis aranĝita al la rekonstruita Potsdamer Platz.
Dum la tuta kongreso germanaj gekolegoj dejoris serve al la gekongresanoj.
Unuanime aprobita.

9.4. Honorigoj
Jam plenumita
Unuanime aprobita.

**10. Resumo de jarraportoj 1999 el la landaj asocioj.**
La Vp resumas la raportojn. Unuanime aprobita, la teksto aperos en IF.

**11. Analizo de la situacio en kelkaj landoj.**
La Ĉk raportas pri plibonigo de la kontaktoj kun ĈN kaj pri eldono de belaspekta terminaro, enhavanta 20 319 terminojn en 610 paĝoj. Li proponas aĉeti tiun verkon.
La Pr sugestas krei fonduson por partopreneblecoj al ekstereŭropaj gekolegoj.

**12. Buĝeto 2001 kaj kotizkonfirmo.**
Al riproĉoj pro kotizaltigo la Ks petis prezenti alternativon.
Unuanime aprobita.

**13. Rilatoj al aliaj organizoj.**
13.1. UEA
La Vp rimarkas, ke la nuntempa rilato inter UEA kaj IFEF estas bonega. La respondeculo de UEA pri fakaj agadoj Petro CHRDLE estas inter ni.
CHRDLE konfirmas la bonajn rilatojn inter la du organizoj.
La Pr informas pri ĉeesto de Renato CORSETTI en la estrarkunsido en Saint-Mandrier (FR) printempe kaj aludas la pripensojn ebligi kunlaboron kun aliaj trafiklaboristoj.
K-o STEFAN (RO) proponas havigi al IFEF bonajn rilatojn kun Monda Turismo.
13.2. FISAIC
La Pr substrekas la fervoran agadon de FFEA rilate al FISAIC kaj dankas la francajn gekolegojn.

**14. Venontaj kongresoj**
14.1. Konfirmo de invito al la 53-a IFK (CZ) 2001
Inĝ CHRDLE invitas al vendreda prezento de la invitlando.
Unuanime aprobita.
14.2. Elekto de lando por la 54-a kongreso en 2002
La bulgara K-o KARAKAŜEV proponas la urbon Plovdiv.

Aprobita per 18 voĉoj kaj unu sindeteno.

14.3. Diskuto pri pluaj eblecoj.

RO sin prezentas provizore por la jaro 2003.

**15. Venontaj IFES 2001 kaj 2002**

K-go PEYROUTY informas, ke la 42-a IFES okazos en Tatranska Lovnica (SK) de la 20-a ĝis la 27-a de januaro 2001. Ĝin preparos k-gino FEIFIČOVÁ.
Por 2002 sin anoncis RO.
Por 2003 sin anoncis CZ.

**16. Eventualaĵoj**

La Pr. aludas la venonjaran estrarelekton kaj informas pri la demisio de la Ks, kiu jam 27 jarojn plenumis tiun taskon. Necesas trovi anstataŭanton antaŭ la fino de la jaro. Pro manko de materialo, la Ks prezentas kajeron de fervojistaj historietoj, kiujn preparis lia edzino en siaj lastaj vivotagoj.
La Pr. dankas al la ks kaj la sindonema edzino pro tio.

**17. Libera diskutado**

S-ro SCHARF (AT) plendas pro manko de Esperanto-insignoj dum la kongresoj.
S-ro BOSCHIN (IT) transdonas al Vp meslibron en Esperanto.

Vieno, la 19-an de septembro 2000

Protokolis la Sk Ernst QUIETENSKY

## Letervespero en Ĉeska Trebova

### Rezulto de la lotumado

E-klubo en Česká Trebová / Ĉeĥa Respubliko / aranĝis fine de pasinta jaro letervesperon kunligitan kun Silvestra amuzvespero. Al letervespero, E-klubo ricevis 177 bildkartojn el 40 landoj. El lotumado de ricevitaj bildkartoj gajnis premion t.e. unusemajnan senpagan restadon en Česká Trebová oferema Esperantistino Josette Ducloyer el urbo Quimper. Tutan semajnon zorgos pri ŝi anoj de E-grupo en Česká Trebová kaj jam nun ili preparis al ŝi riĉan programon.

Jiři Piŝtora

# Antonín Dvořák kaj la fervojo

Ĉeĥa komponisto A.D. havis, kiel multe da homoj, siajn hobiojn.

En sia somera domo en Vysoká ĉe Příbram li bredis abelojn kaj precipe pasie kolombojn. Sed lia plej longjara ŝato estis fervojaj lokomotivoj.

Mi supozas, ke multajn el vi inspiris direktiĝi al la profesio fervojista jam la infanaj ludoj kun fervojaj kaj trajnaj modeloj, kiujn vi veturigis sur la reloj ronde kunigitaj sur ĉambraj plankoj. - Jes, kiom da infanoj, precipe knaboj, ravis per tiuj etaj trajnoj, reloj, stacidomoj, ŝrankoj, relkomutiloj, tuneloj, pontoj, viaduktoj kaj ĉio alia, kio apartenas al la imago de normala fervojtrafiko. Kaj tiu infana ŝatokupa imago restis en vi subkoncie ĝis plenkreska aĝo. Tamen antaŭ 150 jaroj, kiam la bonkora knabo Antonin Dvořák filo de viandisto kaj gastejestro, vizitadis la bazlernejon, tute ne ankoraŭ vendiĝis similaj ludiloj. Lia inklino naskiĝis jam en tiu lia knaba aĝo, kiam post kvinjara konstruo, komenciĝis fervoja trafiko inter Prago kaj Dresdeno, gvidata tra lia naskiĝvilaĝo Nelahozeves. Tiu ĉi evento ravis la knabon "Anton", kiu jam tiam diligente violonludis en la preĝejo kaj en popolkapeloj . Jam antaŭ la komenco de la trafiko, li kapablis longajn minutojn sidi inter ŝpaloj kaj gvati tien al horizonto, kie la reloj malaperadis. La projektado de jena fervojlinio komenciĝis jam en la jaro 1842, kiam Dvořák estis nur 1 ½-jaraĝa. Oni elmezuris la vojdirektigon kaj elaĉetadis la domojn kaj grundojn. Kelkaj loĝantoj ne sciis pri kio temas, aliaj ekscitite rakontis, ke la fervojo alportos nenion bona. "La fumo de la lokomotivoj laŭdire venenigos la atmosferon, la birdojn en la aerspaco, eĉ la ĉasbestojn en la arbaro. La kokinoj ĉesos demeti ovojn. La reloj disturbos grundon, tiom ke ĝi ne naskos grenon. Al homo pro rapida movo tropleniĝos per sango la cerbo ĝis morto aŭ ĝis spiritmalsanaj atakoj de furiozado.



*"La fumo de la lokomotivo laŭdire venenigos la atmosferon, la birdojn ..."*

Kontraŭe, la instruisto Spitz klarigis, ke en Anglujo kaj Germanio oni jam havas fervojon, kaj nenio simila tie okazadas. Li asertis, ke la fervojo ebligos rapidan veturadon tra plej mallonga direkto. La vaporlokomotivoj fortrenos multe pli grandan kvanton da varo ol la ĉevalo-garbveturiloj. Disvolviĝos industrio, kreskos komerco kun eksterlando. Mallongiĝos distancoj de unuopaj lokoj, landoj kaj ŝtatoj. La fervojo kreos profesion al multaj homoj. Fariĝos ekonomia beno tie, kie ĝi trairos, eĉ Nelahozeves povas nur gajni." Printempe en la jaro 1847 atingis la fervojkonstruo ĝis Nelahozeves.Tie kontraŭ ĝi staris sabloroka masivo. Oni projektis trafosi ĝin per 227,5 m-ojn longa tunelo. Ĝi estis solvo pena longdaŭra kaj multekosta. Horizontalaj tavoloj de la persistema sabloŝtono evitigis uzon de l'pafpolvo. Oni procedis manlabore, per marteloj, kojnoj, lignaj leviloj. Finfine la 7-an de aprilo je la 10-a horo alveturis de Kralupi la unua "lokomotiv". Ĝi trenis tri laborvagonojn. Sur la 1-a sidis ses laboristoj, pliaj du estis ŝarĝitaj per ŝpaloj. Kiu povis, kuris al la fervojo-reloj. La 7½ jaraĝa Dvořák staris kiel en sonĝo. La "Lokomotiv" ravis lin por la tuta vivo. La svelta, alta fumtubo sub la nuboj de griza fumo, granda tirrado, sur la kaldrono legebla surskribo "Planian". Unu el la

maŝinistoj purigis gravajn trakcistangojn, la alia sur la maŝino rakontis memkonscie, ke la "lokomotiv" pezas pli ol 20 t, laŭ la forto ĝi egalas 155 ĉevalojn, forveturas eĉ je 35 km-oj dum unu horo.

La unuan de junio 1850 estis la tago de solena veturlanĉo el Prago al Lovosice. La trajno havis novan lokomotivon de l'tipo 2B-12 Kouřim, ses kvaraksajn vagonojn de usona tipo. Ekde septembro 1850, oni veturigis el Ústí al Prago karbon, cetera ŝarĝtrafiko komenciĝis la 15-an de novembro 1850. Tra la valo de "Vultavo kal Elbo" veturadis poste unutrake du person - kaj du poŝt - trajnoj. Dimanĉe la 6-an de aprilo 1850 post la finkonstruo de la fervojlinio ekveturis el praga stacio al Podmokly solena trajno. Malgraŭ la neĝventego gapis preter la trako multaj rigardemuloj. Krom armeo, pafistaj kaj naciaj gvardianoj, kontribuis siaparte eĉ Eklezio, kiu benis la trajnojn, stacidomojn kaj ekipaĵojn. En Nelahozeves denove ne mankis la vilaĝestro, civitkonsilantaro, lernejanoj kun ilia instruisto Spitz. La plej fervora kaj fidela admiranto inter ili estis la naŭjara Dvořák. Kiam ajn li povis, li forkuradis el siaj infanaj devoj, rigardsekvis la dumtagajn trajnojn, mansvingis kaj notis la nomon de la lokomotivoj. La lokomotivestroj baldaŭ ekrimarkadis lin, kaj respondis ofte eĉ per fajfegado. En lia notkajero legeblas pri unuopaj teknikaj tipoj de lokomotivoj, efektivigantaj la var - kaj person - trafikon, iliaj veturlinioj kun stacioj, fabrikdevenoj kun indikoj de jarekestoj, ĉevalfortoj kaj pezoj.

Kaj la fervojŝato daŭris ĉe estonta muzikmajestro vere dum tuta lia vivo. Liaj kutimaj matenaj promenoj gvidis lin en Prago al la tiama stacidomo "Franz Josef" aŭ sur la ŝtuparon "Nusla". Li atente rigardsekvis la alveturojn kaj forveturojn de trajnoj, li observis la lokomotivojn kaj mansvingis al la lokomotivestroj. Pluraj el ili konis lin laŭnome. Li ŝatis babili kun tiuj regantoj de ŝtalĉevalegoj pri maŝinkonstrukcioj kaj veturhoraroj. Li sekve, tre bone konis kiajn ajn tipojn de lokomotivoj kaj igis ekspliki al si signifojn de iliaj numersignoj. Ofte eĉ trudis siajn familianojn partopreni en tiu ekkono. Precipe ĉe sia bofilo, komponisto Josef Suk li insistis pri registrado de maŝinoj, kiuj veturigos lin dum liaj koncertturneoj. Foje li moke demandis la bofilon, kiu ĵus revenis el Vieno, ĉu li forgesis noti la numeron de lokomotivo veturiginta lin. Suk memkonscie elpoŝigis notlibreton kaj legis la numeron. Sed tuj eksonoris la laŭta rido de Dvořák : "Homo, ho homo, ĝi estas ja numero de l'tendro!". Entute li tre estimis la homojn ĉe la fervojo. En Prago estis cetere sufiĉe da okazoj por observi la lokomotivojn. Malpli favore estis en Usono, kie li, dum la jaroj 90-aj direktoradis la konservatorion. En la stacidomon de Mannhaton rajtis eniri nur pasaĝeroj. Vane petis li tie la pordiston permesi al li la trarigardon de amerikaj lokomotivoj de proksime. Sekve, ne restis al li alia ebleco ol veturi per urba veturlinio tutan horon da vojaĝo por ekvidi en la 155-a strato, la chicagan aŭ bostonan rapidvagonarojn. "Kakra, tiu siblas", admiris li la rapidecon de la trajno, kaj persiste staris li tie tutan posttagmezon : En Novjorko li cetere admiris eĉ la grandan vaporŝipojn en haveno. Sed precipe la lokomotivo fariĝis al li simbolo de teknnika jarcento, kies komencon li travivadis. Li esprimis sin pri ĝi, kaj per jena citaĵo mi finos mian rakonton : "Ĝi estas kunmetita el tiom da diversaj partoj el kiuj ĉiu havas sian gravecon. Ĉiu situas je sia loko. Eĉ la plej malgranda ŝraŭbeto estas je sia loko kaj ion tenas ! Tian lokomotivon, oni metas sur relojn, enpuŝas en ĝin karbon kaj akvon, unu homo movas malgrandan stangon kaj la grandaj radoj tuj ekmoviĝas, kaj malgraŭ, ke la vagonoj pezas kelke da metraj kvintaloj, la lokomotivo kuras kun ili kiel leporo. Ĉiujn miajn simfonojn mi donus se mi estus eltrovinta la lokomotivon !

Joachim Giessner

# Jarkonferenco de la bulgaraj fervojistaj esperantistoj

Bulgara Esperantista Fervojista Sekcio /BEFS/ ĉe Bulgara Esperantista Asocio /BEA/ aranĝis de la 3-a ĝis la 5-a de novembro 2000 en la pitoreska vilaĝo Dobriniŝte, sian 20-n jubilean jarkonferencon.

Tiu vilaĝo situas ĉe la piedoj de la plej belega bulgara montaro PIRIN. Dobriniŝte, estas la lasta fervojstacio de la etŝpura fervojlinio /760 mm/ staciо Septemvri – Dobriniŝte.

La konferenco okazis en la Fervojista Sanatorio kaj Ripozdomo. Partoprenis la konferencon 43 reprezentantoj el ĉiuj societoj de la lando.

La kunsido komenciĝis en la speciala salono de la ripozdomo. La prezidantino de BEFS – inĝ. Veselka Kamburova malfermis la konferencon kaj bonvenigis la partoprenantojn. La eksfervojsto kaj bona deklamanto s-ro Tonco Valev deklamis la versaĵon de Julio Baghy "Nia bela lingvo" por saluti la partoprenantojn.

Poste, oni elektis konferencan gvidorganon. S-ino Kamburova tralegis raporton pri la unujara agado de BEFS. En ĝi ŝi akcentis ĉefe pri la preparado kaj organizado de la 54-a IFEF kongreso 2002 en urbo Plovdiv, Bulgario. Pri la sama temo parolis multaj ĉeestantoj. Oni diskutis pri la emblemo, glumarko de la kongreso, la slogano, la ekskursoj, loĝado, provizora programo, postkongreso k.a.

La LKK-anoj parolis pri la plenumitaj taskoj ĝis nun. Oni difinis novajn taskojn. Ĉefe la aliĝilo kaj invitilo por la kongreso devas esti pretaj antaŭ la fino de la jaro.
Post la vespermanĝo okazis dancoj, kantoj kaj amuzoj ĝis malfrua nokto.

Ankaŭ sabate, antaŭtagmeze okazis ekskurso. La ekskursanoj autobuse atingis la montodomon "Vihren" kaj poste grimpante atingis la lageton "OKOTO" /La okulo/ en PIRIN montaro. Tiu lageto situas je 2000 m-oj alte. Oni faris tie multajn fotojn. Revenante, la grupo vizitis la fame konatan 1300 jaraĝan arbon, nomatan "Bajkuŝeva Mura" / Piceo de Bajkuŝev /. Bajkuŝev estas la nomo da la profesoro kiu esploris la aĝon de la piceo. La piceo efektive estas mirinda. Ĝin povas brakumi kune ok vizitantoj.
Dimance la konferencanoj forveturis per la eta trajneto hejmen. Veturante ĉiuj ĝuis la belecojn de la montaroj PIRIN, RILA kaj RODOPI. Plej poste, ili atingis la stacion Septemvri –la centro da la " TRACA VALO". Ĉi tie ĉiuj adiaŭis kun la frazo : "Ĝis nova renkontiĝo !"

T.Valev, St. Rusanov
Stara Zagora, Bulgario

## Aŭstrio modernigas linioreton de siaj fervojlinioj

Projekta direktoro de ÖBB Thomas Tueringer intencas krei, el aŭstria fervoja reto, elstaran fervojan trajnkruciĝon en direkto nordo-sudo kaj okcidento-oriento.
Ĝis la jaro 2010 oni planas modernigi 2300 km-ojn da fervojaj linioj. Ekzemple en la jaro 2005 oni planas mallongigi la kunligon inter Vieno kaj Prago de nunaj 5 horoj al 3 horoj kaj 30 minutoj kaj kunligon inter Vieno kaj Varsovio de nunaj 8 al 6 horoj.

Jindřich Tomišek

*Persona anonco*
S-ro Sergei Paĥomov el Ruslando salutas ĉiujn geamikojn renkontitajn en Rumanio okaze de la jarkunveno de la fervojistoj.

# Renkontiĝo de ĉinaj fervojistoj en Fuzhou

De la 10-a ĝis la 13-a de novembro renkontiĝis ĉinaj fervojistaj esperantistoj en la suda ĉemara urbo Fuzhou de Fujian - provinco en Ĉinio, post la kunsido de komitatanoj de Ĉina Esperanto-Ligo.

Dum la renkontiĝo la prezidanto de Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio, s-ro Li Sen faris raporton pri la Plano "Sukceso" de Ĉina Esperanto-Ligo kaj okazigo de la 2004 Uk en Beijing, ĉefurbo de Ĉinio. Li diris, ke la okazo de la 2004 UK estis decidita en Beijing. ĈFEA devas fari preparadon por la internacia renkontiĝo de fervojistoj dum la UK laŭ la kutimo. Ĉinaj fervojistoj varme invitas fervojistojn el diversaj landoj partopreni en la 2004-a UK en Beijing kaj fari antaŭ -kaj post -kongresajn vojaĝojn en Ĉinio. S-ro Han Zuwu vicprezidanto de ĈK, raportis pri la sukcesa vizito al Japanio en oktobro kaj informiĝis pri la malapero de la papera revuo"El Popola Ĉinio" ekde la jaro 2001. Pro la informo ili diskutis pri la pag-maniero de la kotizo de ĈFEA al IFEF en la venontaj jaroj.



*De dekstre : unua Uĝina, tria Han Zuwu, kvara Li Sen de maldekstre : dua Zhang Jianjun*

Ĉinaj fervojistoj esprimas, ke ĈFEA pli bone kunlaboros kun IFEF, pli entuziasme laboros por la Esperanto-movado de IFEF.

Post la renkontiĝo ili ĝuis la belajn pejzaĝojn tra la urbo Fuzhou kaj vizitis grandan instruan regionon kaj grimpis sur la pitoreska insuleto"Gulangyu"tre fama en Ĉinio.

Han Zuwu vicprezidanto
de Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio

# Diagnoza mezurilo por trakforto

La plej danĝeraj punktoj en la fervoja trakaro estas la trakforkoj. Por eviti la danĝerigajn okazojn, oni devas regule kontroli ĉi tiujn teknikajn elementojn.

Cele al fari la kontroladon akurate, sen homa eraro, oni decidis konstrui elektronikan mezurilon. La mezurilo nomata VEM, / mozaikvorto laŭ la Hungara nomo /, estas uzebla por mezuri la diversajn fortoefektojn inter la relkomutila regmekanismo kaj la trakforko.

La fortoefektoj reprezentas :

1, Manipuligan forton -- informas pri la stato de trakforko.

2, Bremsa forto -- informas pri la potenco de regmekanismo.

3, Forto de defroga fuŝmovo -- informas pri la fiksigo.

La mezurilo donas informadon, diagraman sur papero, kun ciferoj en aperigilo LCD tipa, kaj oni havas eblecon kontakti la mezurilon al komputilo. Pere de aperigilo oni povas decidi tuj pri la urĝaj agadoj se estas bezonaj. La mezurilo povas gardi multon da donitaĵoj, kiujn en komforta ejo oni povas taksi tre efike per komputilo. La programon oni povas

funkciigi sub WIN95 au WIN98 sistemo.

***Teknikaj donitaĵoj de mezurilo VEM***

- Mezuraj intervaloj
3,12 KN /laŭ paŝo 100 N/
6,25 KN /laŭ paŝo 50N/
12,5 KN /laŭ paŝo 25N/
- Kapacito de akumulatoro :
4 Ah, tipa 6,4V NiCd
- Funkciada tempo :
10h en mezuro / 4h en surpaperigo
- Funkcia temperaturo : - 20° ĝis + 50°C
- Precizeco : 5%
- Kapacito de donitaĵo-gardilo :
650 sec.
mezurtempo
- Sensiga frekvenco : 500 HZ
- Tipo de aperigilo LCD :
2X16 karaktraj
- Tipo de surpaperigilo :
grafika matrixpresilo
- Tipo de PC kontaktilo : RS-232
laŭ V-24 normo, rapideco = 9600 Bd

Ĉi tiun mezurilon oni uzas ĉe la Hungaraj Ŝtatfervojoj MÁV en diversaj terenoj.
Ekz.: Oni uzas ĝin en la bontenado, en la renovigado.
Pri la mezurilo vi povas vidi :
- desegnaĵon sur la bildo 1,
- foton sur la bildo 2.

Kristály Tibor




Bildo 1.

Bildo 2.



# 42-a IFES en Slovakio

42 IFES okazis en Slovakio, en Tatranska Lomnica de la 20-a ĝis la 27-a de januaro 2001. Partoprenis oficiale 18 personoj el 6 landoj kaj ankaŭ neoficiale du personoj el Rumanio kaj 3 el Ĉeĥio.

Skisemajo okazis en montaroj nomataj Vysoke Tatry/Altaj Tatroj/, kiuj havas 25 pintojn super alteco de 2 500 metroj. La plej alta nomiĝas Gerlachovsky stit kun 2 655 metroj super la maro. Urbo Tatranska Lomnica fondita en jaro 1892 altas 850 m-ojn. Ĝi estas fama turisma centro sub montmasivo Lomnicky stit alta je 2 632 m-oj.

Jen kelkaj riĉaj programeroj.

Sa 20.1.
Akcepto de la partoprenantoj, bonveniga vespero en restoracio Koliba kun riĉa vespermanĝo kaj muziko.

Di 21.1.
Ekskurso al Strbske pleso, trarigardo de la skicentro, promeno ĉirkaŭe kaj prezentado de la IFES 2OOO fare de Hilaire Happi-Fosso.

Lu 22.1.
Ekskurso pere de ŝnurega telfero al Hrebienok-Malvarm karnavalo. Akvofaloj

MA 23.1.
Eksurso al Stary Smokovec, vizito de saŭno kaj kirlbankuvo. Muzeo pri historio de vintraj lantaj akvoj. Vespere, lingva konkurso, sportoj, en Vila Flora eksponaĵo de bulgaraj ikonoj.

Me 24.1.
Tuttaga ekskurso al Poprad-Spisska.Sobota. Trarigardo de la historia kerno, vizito de la Esperanto-centro.

Ja 25.1.
Slalomo, piedira konkurso, vespere pupteatristo PLATSZKY.

VE 26.1.
Vizito de muzeo de Tatroj. Adiaŭa vespero en Koliba kun muziko kaj manĝaĝo post mallonga veturo per telfero.

Sa 27.1.
Forveturo hejmen.

IFEF-Premio gajnis Erik Mortensen.

Ni devas rimarkigi la laboron faritan de Magdalena Feifičová kaj de ŝia helpantino Anna Hlavata. Ili ambaŭ sencese klopodis por solvi la diversajn problemojn, kaj respondi al la demandoj de la partoprenantoj. La diversaj ekskursoj kaj aranĝoj por neskiantoj estis bonege organizitaj.

Pri la tuttaga ekskurso al Poprad, menciinda estas la akcepto fare de S-ano Milan Zvara, kiu gvidis la grupon tra la placo de Spishka Sobota kaj atentigis nin pri la Esperantistaj kuriozaĵoj : la diversaj domoj, kie Slovaka Esperanto Asocio havis sian sidejon, kaj la memortabulo al Tibor Sekelj famkonata verkisto kaj esperantisto, kiu naskiĝis en Spishka Sobota, nuntempe kvartalo de la urbo Poprad.

Ankaŭ la vizito de la preĝejo estis tre interesa, sen forgesi la varmajn trinkaĵojn, kiujn atendis nin en la nuntempa sidejo de Slovaka Esperanto Asocio (36 Sobotské nàmestie 05801 en Poprad).

Por fervojistoj, la regiono de Altaj Tatroj estas interesa pro siaj diversaj fervojoj. Linio kun normala ŝpuro, linioj kun mallarĝa ŝpuro (1000 mm-oj), mallarĝŝpura dentrada fervojo, surtera ŝnurega telfero kaj ankaŭ du pendteleferoj, kiuj estas parto de Fervojoj de Slovaka Respubliko (ZSR).

Verŝajne la venonta skisemajno okazos en Rumanio. La aliĝfolioj estos disponeblaj dum nia kongreso en majo enTábor.

La 33-a IFE.S. okazis en1992 en Slovakio en Vratna Valo, la 42-a okazis enTatranska Lomnica. Ĉu la 51-a en jaro 2010 okazos en Shtrbské Pleso ???

La respondeculo pri skisemajno :
Peyrouty Hubert
kaj Jana

**INTERNACIA FERVOJISTO**
53-a eldonjaro

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de **Internacia Fervojista Esperanto-Federacio**

**Redaktoro : Jean Ripoche**
**6 rue des Platanes**
**FR-72 230 Arnage, France**
**Tel /Fakso +332 43 21 16 39**
**Retadreso :**
**Jean.Ripoche@wanadoo.fr**



**Dana poŝtĉekkonto :**
1 25 80 36 IFEF
Banegårdspladsen 14
DK-9700 Brønderslev
(pagante per poŝtĉekkonto el eksterlando, aldonu 15 DKK por poŝtelspezoj)

**UEA-konto :** iffk-o

**Apermonatoj :**
Januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro.

**Redaktofino :**
Ĉiam la 10an de la antaŭa monato

**Presejo :**
Generaldirekcio de MAV
Andrássy út 73/75
HU-1378 BUDAPEST, Hungario

VIG. 2001. 065

# Poemo

## *Je Novjaro*

Se Fortun' regalas vin
laŭ bontrovo sia,
danku vi kaj prenu ĝin
sen skrupulo ia!

Ĉiu don', bonvenu ĝi,
sed ja antaŭ ĉio :
kion plej deziras vi,
realiĝu tio !

*verkita de la poeto Bush', Vilhelmo (1832 - 1908).*

*Esperantigis: Manfredo Ratislavo en Januaro de 1999 laŭ la origina germanlingva teksto.*

***Adreso-ŝanĝo de F.F.E.A.***

Pro vendado de la F.F.E.A.-sidejo situinta 1bis rue d'Athènes en Parizo, ekde la 1-a de januaro 2001 nia nuna sidejo situas ĉe :
F.F.E.A.
7 rue du Château-Landon
FR-75475 Paris Cedex 10

**Fervoja Koresponda Servo**
S-ro PORUPKA Sorin
Mihai Bravu 32/2
RO-6200 Galati



Se vi deziras utiligi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)on, kaj pri kiaj temoj ktp.
Aldonu, se eble, internacian respondkuponon.
Se tio ne eblas, aldonu poŝtmarkojn vendeblajn en Rumanio.